Kensing.




JARO 9a No. 1
OKTOBRO 1956

## LA OPINIA DE EMINENTULO

En la unua Bulteno, eldonita de niaj aŭstraj kolegoj, D-ro Maximilian Schantl, Ĝeneraldirektoro de la Aŭstria Federacia Fervojaro, stimulas niajn amikojn per jena simpatiesprimo:

La klopodoj krei internacian lingvon etendiĝas returnen pli ol 200 jaroj.El ĉiuj en la pasinto entreprenitaj provoj ĝis nun nur la Internacia Lingvo Esperanto sin pruviĝis, kaj montris sian uzeblecon sur ĉiuj kampoj de la vivo.

Estas kompreneble,ke ankaŭ la fervojistoj en ĉiuj landoj frutempe turnis sian atenton al la Esperantomovado. Estas ja ĝuste ili, kiuj ĉiam venas en kontakton kun fremdlingvaj vojaĝantoj.

Oni nur pensu al la multnombraj dungitoj de la praktika trafikservo aŭ en la servo de la limstacioj, kie la servado kun la najbarfervojadministracio intime interligiĝas.

El tiuj ĉi cirkonstancoj la generaldirekcio de la Aŭstria Federacia Fervojaro jam de multaj jaroj nepre deziras ke la dungitoj de la Federacia Fervojaro, kaj nome antaŭ ĉio tiuj, kiuj venas en rektan kontakton kun la vojaĝanta publiko, havigu al si la konon de almenaŭ unu fremdlingvo. Multnombraj landoj el ĉiuj landoj de la mondo atestas, ke tiuj ĉi aspiroj de la Aŭstria Fervojadministracio kun danka kompreno estas rekonataj flanke de la vojaĝanta publiko. La aspiroj ankaŭ entenas la akcelon pri la lernado de Esperanto.

La Esperanto-movado inter la fervojistoj de Aŭstrio ree prenis grandan ekfloradon post la dua mondmilito.

Plue Esperanto trovis ankaŭ en aliaj ŝtatoj ampleksan disvastigon.

Tiel la lernado de tiu ĉi lingvo flanke de niaj dungitoj ankaŭ servas al la komercaj, klientoj-varbantaj interesoj de la Fervojaro.

Estas dezirinde, ke kiel eble plej multaj fervojistoj atentu la okazon lerni Esperanton en kursoj, por tiel ankaŭ siaflanke atribuu al tio, ke Aŭstrio konservu sian bonan famon kiel vojaĝlando.

Al Fervojista Esperanto-Fakgrupo de Aŭstrio mi deziras multan sukceson.

## NI GRATULAS!

Post plenumiĝo de antaŭ- kaj postkongresaj taskoj ni ree trovos tempon kaj lokon en nia organo por iom pli atentigi pri kelkaj ĝojigaj progresoj, kiuj klare respegulas la aktivecon en la kampo de nia fervojista movado.

Aperis du novaj bultenoj: * JUGOSLAVIA FERVOJISTO*, kiu estos la organo de la Fervojista Esperanto-Societo en Zagreb, kaj *Bulteno* de la aŭstraj fervojistaj esperantistoj.

En la sama periodo niaj francaj amikoj multe plibonigis- laŭ aspekto kaj enhavo- sian organon *LA FERVOJISTO*.

Kun granda plezuro ni ricevis la nove-venintojn, des pli, ĉar ne nur la aspekto estas alloga, sed ankaŭ la enhavo de ĉiuj tri gazetoj estas senescepte interesa, verkita en klara, facile legebla lingvo.

Ni kore gratulas la iniciatintojn, kiuj kuraĝe prenis sur sin la respondecon por tasko, kiu-ĉiam denove revenanta- postulas akuratan plenumadon. Tutkore ni deziras al ili persiston kaj sukceson, ĉar sendube ilia laborado alportos fruktojn por nia fervojista movado.

Grava stimulo por la aŭstra movado estas la simpatio por Esperanto, kiun vekis Kortega Konsilanto Hugo Steiner kaj nia amiko Dipl. Inĝ. Tschom ĉe la Ĝeneral-direktoro de la Aŭstra Fervojo.
Por akceli Esperanton inter la fervojistoj, la Ĝenerala Direkcio presigos kaj disdonos la aŭstran bultenon 4-6 foje en la jaro.

La Jugoslavoj paŝis antaŭen sub la devizo:
*Ligilo por ni, informilo por eksterlando*, kaj en la jam aperintaj numeroj oni trovas multajn informojn pri la ĉiam kreskanta aktiveco inter la fervojistaj esperantistoj en Jugoslavio.
En sia artikolo *Trijaraj Sukcesoj* Franjo Debiĉ memorigas pri la fervojista konferenco en Zagreb 1953, kie la jugoslavaj amikoj, entusiasmigitaj, promesis delegi al nia kongreso en Verona almenaŭ lo fervojistojn.
Tiam: du aŭ tri esperantistoj inter la tieaj fervojistoj,
Nun: -post nur tri jaroj- belaspekta kaj enhavoriĉa organo, kies abonon ni varme rekomendas, ankaŭ al esperantistoj ekster Jugoslavio.

La francaj fervojistoj trovis en kolego Retault la fidelan idealiston, kies kapablo garantias plenan sukceson por ilia organo. Grava stimulo por lia penado sendube estos la kunlaborado de la amikoj Blin Blondeaux, Francois kaj aliaj.

SE la spaco en nia federacia bulteno permesas tion, ni ŝatas transpreni el la nomitaj gazetoj, de tempo al tempo, ion gravan aŭ sciindan, por informi niajn anojn pri la aktivecoj kaj sukcesoj en diversaj landoj.

de J.

## RIJEKA, URBO DE NIA 9-a KONGRESO

En la norda parto de la blua Adria maro, en la Golfo de Kvarnera lokiĝas la plej granda jugoslavia komerca havenurbo Rijeka.
Aliron al tiu golfo fermas de la suda kaj sudorienta flanko la insuloj Krk, Cres, Mali kaj Veliki Lošinj; de la okcidenta parto, en proksimeco de Rijeka altiĝas la monto Učka, 1396 m. super la marnivelo, de kies pinto sin etendas neforgesebla rigardo tra la Kvarnera golfo sur la Adriatikon, kaj okcidente sur la tutan duoninsulon Istrio. Ĉe serena ĉielo la rigardo atingas eĉ ĝis la orienta bordo de Italio, ĝis la urboj Venecio kaj Ankona.

Ĉe la piedo de la monto Učka troviĝas fame konataj, modernaj klimataj sanigejoj: Opatija, Lovran kaj Ika, 12 km. for de Rijeka, kun tre bonaj surmaraj kaj survojaj trafikoj.

De la norda parto ŝirmas la havenon la montara masivo, el kiu altiĝas la monto Snežnik kun 1796 m. super la marnivelo, kaj de la orienta flanko la romantika Gorski Kotar, trans kiu Rijeka estas kunligita kun Zagreb per bonega aŭtoŝoseo kaj per fervoja montara linio kun deklivo de 250/00.

Je la okcidenta parto Rijeka estas kunligita per bonega, asfaltita aŭtoŝoseo kaj per *elektigita* fervojlinio tra Postonja kun Triesto. En Postonja troviĝas la famekonata groto, longa ĉirkaŭ 8 kilometrojn.

Malofte iu urbo havas tiajn avantaĝojn, kiajn havas Rijeka; ĝi disponas pri proksimaj kaj tre belaj modernaj strandoj: Crikvenica, Opatija, Ika, Lovran, Medveja ktp.; ĝi havas ankaŭ eblecojn de montara sporto en proksimeco de Učka, Snežnik, Gorski Kotar.

Rijeka estis en la historio konata almenaŭ en la XIII-a jarcento, subigita al la feŭdulo Hugo la Vi-a. En postaj jaroj la Habsburga dinastio alpropigis ĝin kaj tenis ĝis la jaro 1918, tio estas ĝis la fino de la unua mondmilito, kiam tie estis jam forte disvolvita industrio.

Laŭ kontrakto de Rapallo en la jaro 1921 inter la iama Jugoslavio kaj Italio, la urbo Rijeka kun la tuta duoninsulo Istrio venis sub Italio ĝis la jaro 1945, kiam ĝi estis liberigita de la unuoj de la Jugoslavia naciliberiga armeo.

La slavaj loĝantoj kiuj vivas en granda plimulto sur la teritorio de Istrio kaj Rijeka, kaj malgranda procento de Italoj estis persekutataj de la faŝista aŭtoritato en la jaroj 1921 - 1945. Okazis ankaŭperforta ŝanĝo da familiaj nomoj. Malpermesita estis la slava gepatra lingvo, eĉ en reciproka interrilato inter slavoj. Instruado en la lernejoj estis senescepte en la itala lingvo. Precipe en la komenco de la dua mondmilito, en la jaro 1941 estis arestitaj kaj deportitaj en koncentrejojn kaj malliberejojn ĉirkaŭ 100.000 virojn, virinojn kaj infanojn; centoj da vilaĝoj estis bruligitaj. Nun la ital-nacia minorito havas la samajn rajtojn kaj devojn kiel la slava loĝantaro.

(el Jugoslavia Fervojisto) Mladenič Josip.

*elektrigita.*

## VOJAĜIMPRESOJ EL JUGOSLAVIO

Parolante pri mia vojaĝo tra Jugoslavio, mi povas diri, ke la vizito al tiu lando signifis por mi plenumiĝon de granda deziro.
La beleco, la vidindaĵoj, la ĉarmo kaj romantikeco de ĝiaj insuloj superis ĉiujn miajn atendojn. Kaj pri ĝia popolo mi ankaŭ konservas la plej belajn impresojn.
Mi vidis kaj aŭdis ke ili estas kontentaj kaj laboremaj. La sistemo, laŭ kiu ili organizas sian laboron kaj liberan tempon, estas sociala kaj progresema.
Agrable surprizis min ilia kamaradeca kunlaboro en la entreprenoj, el kiuj mi vizitis kelkajn. Ĉiuj havas la senton ke ili estas la laborantoj por la komuna bonstato, ne ekzistas klaso de superregantaj sinjoroj.
Dum mia unusemajna restado en Bjelovar, tiu malgranda, senbrua kaj pura urbo prezentis al mi trankvilecon kaj ĝi refreŝigis min. Ĝiaj enloĝantoj estas tre ĝentilaj kaj gastamaj.
La milito postlasis en Jugoslavio multajn dolorojn. Iom post iom cikatriĝas la vundoj. Sed eĉ pli bone ol la tempo, la bonkoreco kaj pacemo de la jugoslavia popolanimo forgesigas la doloran pasintecon.
Estas menciinde konstati, kiom estas utile uzi Esperanton, kaj estus granda avantaĝo por ĉiuj, se ili lernus Esperanton.
Vojaĝante ĉi tien mi havis okazon en Kroatio, Slovenio kaj Istrio vidi kian komprenon mi trovis ĉe la popolo, kaj kiamaniere mi estis servata dank al uzo de Esperanto.
Jen en komercaj rilatoj. Krome: Esperanto disvastiĝis tra la tuta mondo, en ĉiu lando. Ĝi estas internacia ligilo kaj interkomprenigilo, tio estas mond-helplingvo, kiu kreas atmosferon de solidareco, senrigarde al landlimoj, nacieco, raso aŭ politikaj konvinkoj.
Kaj ĝuste tio estas la vojo al homa koro. Tion pruvis ankaŭ korega kaj frateca akcepto flanke de Bjelovaraj esperantistoj. La kunestado forigis la senton ke mi estas fremdulo aŭ alilandano; mi apartenis al ili.
Tiaj impresoj akompanis min hejmen, en Svislando, sed ne ĝi sole.
Miaj gastigantoj skribis al mi: Akompaninte vin en fervojstacion, kaj kiam la trajno estis ekveturonta el Bjelovar, ni forte eksentis ke tute sufiĉis al ni ok tagoj por reciproka amikiĝo. Tiun tagon vi ne vojaĝis sola. Niaj pensoj estis viaj kunveturantoj.
Mi ne dubas ke tiu ĉi spontanea rekomendo havigos al Jugoslavio entuziasmajn vojaĝantojn kaj amikojn.

Emil Ammann.

Henning.

**RAPORTO PRI LA FAK-KUNVENO DE IFEF EN UK KOPENHAGO, MERKREDE, LA 8AN DE AŬGUSTO 1956**

Partoprenintoj proks. 40, Gvidanto O. Walder.
Traktaĵoj:

1. Bonvenigo de kol. Henning Olssen.
2. Raporto pri IFEF
3. Raporto pri la IFEF-kongreso en Stokholmo.
4. Diskutado pri ŝanĝo de la IFEF-estraro.
5. Sugestoj al la IFEF-estraro.
6. Diversaĵoj.

**1. Bonvenigo.** La prezidanto de la loka fervojista esp.klubo tre simpatie bonvenigis la ĉeestantojn.

**2. Raporto pri IFEF.** Kol. I. Kensing, prez. de DEFA koncize, tre celtrafe raportas pri la taskoj kaj celoj de IFEF, por informi ĉefe la nemembrojn de nia faka organizaĵo.

**3. Raporto IFEF-kongreso en Stokholmo.** Kol.Chapellier el Nancy raportas pri la aranĝoj kiel gasto, kun prezento de fotoj kaj rakontado pri ekskursoj.
Kol.Olsson, kiel prezidinto de LKK raportas kiel organizanto de la kongreso, mencias la favoran subtenon de la Direkcio de la ŝtata fervojo, raportas pri la multaj klopodoj por aranĝi agrablan semajnon kaj pri la malhelpetoj.

**4. Diskuto pri ŝanĝo en la IFEF-estraro.** Tiu traktaĵo, transdonita de la IFEF-estraro kiel tasko de la kunveno montriĝis tro peza ŝarĝo por tiu kunveno.Krom la danaj kolegoj ne partoprenis boninformitaj kolegoj, kio ege lamigis la diskutadon. La kunvengvidanto prezentis al la ĉeestantoj la jenan situacion: post dekjara deĵorado por IFEF la plena, eventuale parto de la estraro deziras demisii en Aarhus kaj petas jam nun la kolegojn esplori la eblecojn por daŭrigo. La IFEF-estraro laŭeble baldaŭ esploros kiuj estraranoj nepre intencos demisii kaj prezentos al la jara kunveno de FERN la demandon, ĉu nederlandaj kolegoj konsentos anstataŭi la eksiĝontojn. Kaze ke tio ne eblos, necesos elekti estraron en alia lando. La kunvengvidanto petas la ĉeestantojn funde diskuti tiun demandon kaj esprimi sian opinion, ĉu la elektoj al sperta kaj enlaborita estraro estu preferindaj aŭ nova estraro, kiu devos akiri unue siajn spertojn sed kiu povos eble elekti novajn,vojojn, kondukontajn al sukceso. Kaze de neceso elekti novan estraron li petas la ĉeestantajn gvidantojn de la Dana IFEF-movado speciale bone pristudi la demandon, ĉar supozeble ili estos inter la unuaj kandidatoj.

La diskutado restas inter la gvidanto kaj la danaj kolegoj kaj la fina opinio estas, ke la IFEF-estraro estu petata nepre klopodi trovi en Nederlando kandidatojn por vakaj postenoj.La danaj kolegoj timas, ke ne eblus al ili formi agadjapablajn estrarojn por internacia kaj nacia movadoj.

**5. Sugestoj al la IFEF-estraro.** La sekretario de IFEF deziris, ke ni diskutu la demandon peti subvenciojn de la fervojaj Direkcioj kaj sindikatoj. Malfeliĉe ankaŭ tiun temon nur malmultaj ĉeestantoj pridiskutis. El la malmultaj sugestoj tamen vidiĝas, ke estas malfacile jesi aŭ nei la demandon kaj oni opiniis, ke estus avantaĝe provi en 2-3 landoj la efikon de tiaj petskriboj. Krome, la kunvenintoj opinias, ke estas eble pli efika informi Direkciojn aŭ sindikatojn pri propaganda agado de niaj landaj societoj kaj por tiu celo peti subvencion, ne simple por la societaj kasoj.

Proponon de kol.Christoffersen ni aldonas en originalo, malfeliĉe ankaŭ je tiu afero neniu deziris la parolon.

6. **Diversaĵoj.** Kol. el Sofio, Bulgarujo, sciigas, ke li serĉis kontakton kun la sekretario de IFEF rilate aliĝon de la bulgaraj fervojistoj al IFEF. Post aliĝo de la Bulgara Esperanto-Asocio al UEA tiu aliĝo certe estos ago de la plej proksima tempo.

Demando pri la insigno de IFEF estis respondita, ke la afero estas prokrastita kaj ke ĝis plue validas la ordinara verda stelo.

Sugeston, sendi danktelegramon al la Direkcio de la Sveda ŝtata fervojo, pro la bonega subteno de la IFEF-kongreso, kol. Olsson malkonsilis. Laŭ li la Direkcio ricevis raporton pri la kongreso, kio pli efikas ol tia telegramo el nedecidpova kunveno.

Fine la gvidanto memorigas pri la proksima IFEF-kongreso, okazonta de la 11a ĝis 17a de majo 1957 en Rijeka kaj kore invitas ĉiujn partopreni.

Fino je la 16.10a horo. La 40 ĉeestintoj venis el naŭ landoj.

La gvidanto kaj raportanto:

*Otto Walder.*

## KORESPONDPETO

Kelkaj komencantoj en Aŭstralio deziras korespondadi kun gekolegoj en la tuta mondo. Per la korespondado vi povas helpi al disvastigado de Esperanto inter la Australiaj gekolegoj, skribu do multnombre al jena adreso:

*Esperanto-grupo, Railways Institute, Flinders St., Melbourne, Victoria, Aŭstralio.*

## INFANRENKONTIĜO INTERNACIA

La kongreso en Stokholmo i.a. decidis pri tio, ke en somero 1957 estu aranĝata internacia feria kunveno de fervojistaj infanoj.
GEFA estas komisiita prepari la aferon. Jam por somero 1956 estis planita simila projekto, sed pro diversaj obstakloj ĝi ne estis realigebla.
Unue ni ĝenerale klarigu al vi la planon. Dum la lastaj jaroj en Germanio jam kelkfoje okazis renkontiĝoj por infanoj de fervojistoj. Sed partoprenis nur francaj, finaj kaj germanaj infanoj, kaj nur tiaj, kiuj estis lernintaj en lernejo la lingvon de unu el la aliaj partoprenantaj nacioj. Pro tio nur gimnazianoj povis partopreni.
Tamen en la interkompreniĝo de tiaj infanoj diversnaciaj fortaj malfacilaĵoj estis konstateblaj. Pro tio ni iru alian vojon.
Infanoj fervojistaj estu sendotaj el kiel eble plej multaj landoj al renkontiĝo internacia, kies lingva fundamento nur estu Esperanto.
Ne gravos, ĉu la infanoj venos el familioj esperantistaj aŭ ne, ĉu ili havis fremdlingvan instruon aŭ ne. Ili estos instruataj en la Internacia Lingvo ĉiutage dum proksimume du horoj.
Pro tio el ĉiu ĉeestonta lingva grupo kunvenu unu, la Internacian lingvon bone reganta kolego por helpi la gvidanton.
Ĉi tiuj kolegoj nepre estu iom pedogaj, ĉar ili ankaŭ devos migri, kanti ludi kaj ŝerci kun la infanoj.
Ni estas certaj, ke jam post kelkaj tagoj la ĝenerala interkompreniĝo inter tiuj esperante influigotaj infanoj pli bone funkcios ol en la ĝis nun observitaj kunvenoj.
La Germana Sociala Organizo disponigos por tia renkontiĝo sian domon *Lothar-May-Hutte*, kiu belege estas situata enmeze de la Rhon-montaro 700 m alta. La Rhon troviĝas okcidente de la stacio Fulda (linio Frankfurt- Bebra - Kassel). La domo simile estas konstruita kiel migrulhejm - oj en la Alpoj, do pura, malluksa, sed hejmeca.
Pro tio estas eble, oferti modestan kotizon, nome 4.50 GM potage. Ĝi inkluzivas *tranoktadon kaj 3 abundajn manĝaĵojn.*
Ekzistas du dormejoj por la partoprenontoj kaj agrabla restadejo dumtaga.
Por gvidonto kaj helpantoj aparta dormejeto estos je dispono.
Apud la domo troviĝas loko, kie oni povas ludi tablotenison ktp.
En apuda vilaĝo estas sportejo. La domo kuŝas sur monto en idilia situo, enmeze de vastaj arbaroj, kiuj ebligos belegajn, ĝuplenajn migradojn.
La nombro de partoprenantoj estos limigata je 25 knaboj (knabinoj ne estos akceptataj) inter 13 ĝis 17 jaroj.
La renkontiĝo antaŭvideble daŭros de 28/7 ĝis 17/8 -1957.
Ni provos havigi al la infanoj liberan veturadon sur la germanaj linioj.
La tuta aranĝo pli facile estos farebla, se la landaj sekcioj de IFEF sukcesos kiel eble plej baldaŭ kontaktiĝi kun siaj kompetentaj instancoj fervojistaj. Estas necese interesigi ilin pri la projekto kaj peti ilin, helpi en la realigo de ĉi tiu ekzemplo de europa kulaboro.
La plej celtrafa maniero por eltrovi la interesulojn, laŭ mia opinio estas, publikigi la planon en la *oficialaj informiloj* de la diversaj land-

oj aŭ, se la Admininistracio ne permesos tion, en la faka aŭ sindikata gazetaro.
La Lothar-May-Hutte precipe en somero daŭre estas okupata. Pro tio ni jam ĉi-aŭtune devos rezervigi la lokojn. Ni do petas vin, ĝis plej malfrue la *30/9 - 56* sciigi al ni la rezultojn de viaj klopodoj.
Unue ĉefe temas pri tio, trovi la interesulojn kaj la kolegojn, kiuj deziras akompani la *infanojn*.
La delegitoj en Stokholmo aprobis la planon. Kunhelpu realigi ĝin !
Joachim Giessner, Hauptbahnhof 6, Braunsweig, Germanio.

## ĈU LA FERVOJISTAJ SPORTULOJ BEZONAS ESPERANTON ?

La nombro de la nedeĵoraj internaciaj kunvenoj de la fervojistoj grandiĝas pli kaj pli. La raportinto mem havis okazon partopreni kiel interpretisto la Internacian Fervojistan ĉampionecon de Tabloteniso en Garmisch - Partenkirchen (24/4 -2/5 -1956).
Ĉeestis la plej bonaj kvar de tiu sporteco el 10 landoj kun siaj funkciuloj, kaj parte ankaŭ kun la familianoj.
Por antaŭdiri ĝin: estis nek lingva ĥaoso nek aranĝo, kiu min kiel esperantisto povis kotentigi. Kiu el la partoprenintoj ne scipovis paroli minimume kelkajn germanajn vortojn, turnis sin senĝene al la interpretistoj. Mi konfesas, ke la vetbataloj mem direktiĝis laŭ unuecaj reguloj, pri kiuj nur kelkfoje klarigoj estis tradukendaj. Pliofte necesis tradukoj pri privataj kaj organizaj demandoj.
La interpretistoj ĉiam estis okupataj, kaj jam pro tio estus devinta ekzisti intereso pri internacia lingvo facile lernebla.
Sed nenio tiurilate estis konstatebla. Oni manpremis, interŝanĝis ĝentilajn gestojn kaj transdonis la ceteran laboron de interkompreno al la funkciuloj.
Iom alie prezentiĝis la bildo ekstere de la oficialaj aranĝoj.
Se dum la manĝoj la diversnaciaj grupoj ankoraŭ sidis kune, la sportuloj serĉis la kontakton kun la alilandanoj, prefere vespere.
Estis bedaŭrinde, ofte eĉ kortuŝe rigardi kiel streĉe la diversnaciaj sportuloj laboris *per manoj kaj piedoj* por komprenigi sin.
Tiu aspekto ne ekzistas en esperantistaj rondoj.

Parte oni estis aŭdinta jam iufoje pri Esperanto. Kelkaj fervojistoj havis konatojn parolantajn Esperanton. Tamen neniu el ili opiniis ke oni mem lernu Esperanton. Kial do tia klopodo?*Kiam mi havos okazon partopreni internacian sportaranĝon kun la eblo paroli Esperanton?*ili demandis ...

Mi absolute ne samopinias. Estas bone konate ke la oficialaj instancoj ne laciiĝas akcenti la valoron de tiaj aranĝoj kiel interfratigan instrumenton. La sportuloj ŝvebas en la danĝero vidi en la internaciaj vetbataloj nur la teknikan flankon, kies bone konataj reguloj ne konas lingvajn barilojn. Nia tasko estas konvinki niajn sportkamaradojn pri la neceso de internacia lingvo, por ke ili trovu ankaŭ la nepre neces-

an personan kontakton kun siaj alilandaj kamaradoj.
Tiucele la sportuloj certe bezonas Esperanton.

(Verkita de W. Barnickel, Frankfort (M) )

## ALVOKO DE LA KASISTO

Nia kasisto urĝe petas al la izolaj anoj, sendi al li la ŝuldatan kotizon. Sen oleo nia maŝino ne povas bone funkcii.
La adreso de la kasisto estas: W.Biesheuvel, Ceramplein 58, Amsterdam.

Okaze de lia restado en Nederlando Sro. Ortengren donacis-en la nomo de la stokholma LKK- 100 guldenojn por la IFEF kaso.
Malgraŭ tio ke nia kongrsregularo ne postulas tion, niaj amikoj en Stokholmo sendis al IFEF konsiderindan parton de la profito kiu estas la rezultato de ilia serioza laborado.
En la nomo de la estraro nia kasisto danke kvitancas.

## INTERNACIA ŜAKTURNIRO

En *Fervojisto*, la organo de FERN (Nederlando) kolego G.J. van Wonderen skribas:
Malrapide marŝas la evoluo okaze de ŝakturniro organizita de la internacia organizo fervojista en la bela banloko Wijk aan Zee.
Mi denove forte estas konvinkita pri la utilo kaj neceso de nia Esperanto-lingvo.
Partoprenis kolegoj el 12 landoj. La iniciato estas laŭ vidpunkto de internacia frateco laŭdinda, sed kiel esperantisto mi ĉagreniĝis pro la senhelpado inter la partoprenintoj pri manipulado komprenigi unu la alian. Ekzemple oni uzis kiel plej facilan lingvon la germanan aŭ la francan. La salono estis bele ornamita per flagoj, sur kiuj estis anoncitaj el kiu lando la grupo venis.
Estis tre agrable en la diversaj salonoj; oni babilis ĉiu en sia propra lingvo, ĉar oni grupiĝis sub la jam priskribitaj flagoj. Oni manĝis trinkis ktp, sed mankis al mi la internacia sfero, kiun ni spertis en niaj internaciaj renkontiĝoj kaj kongresoj.
Montriĝis, ke neniu ŝakludanto parolis Esperanton; tial mi malkontente vespere forlasis la festsalonon, sed despli konvinkita, ke ni sekvas la plej ĝustan vojon.
Mi esperas, ke tiu malgranda artikolo ankaŭ stimulas la iniciatintojn instigi la ŝakludintojn uzi por tiaj internaciaj turniroj nian jam ofte uzitan kaj en la praktiko pruvitan Esperanto-lingvon.
Ni fervojistoj propagandu kaj kaj esperu, ke iam la iniciatintoj de tiaj turniroj konkludos, ke nia lingvo estu aplikata, por ke oni plej bone kaj profunde komprenu unu la alian.

## NEKROLOGO

La 20an de aŭgusto 1956 mortis post longdaŭra grava suferado nia malnova esperanto-pioniro GOTTFRIES HEIDL el Linz/D.
Jam antaŭ 30 jaroj, li, kiel tre kapabla kaj sperta esperantisto volis fondi fervojistan esperantistan rondon.
Bedaŭrinde li tiam ne sukcesis. Sed li ne perdis la kuraĝon, li senlace varbadis kaj sukcesis gajni multajn trajnistojn por nia esperanto-movado.
Post la dua mondmilito li estis konfondanto de la landa esperanto-organizo por Supra-Aŭstrio kaj de la loka esperanto-grupo *Estonto* en Linz. Subite li grave malsaniĝis. Nervolamiĝo ekkaptis lian korpon kaj ne plu forlasis ĝin. Li devis ĉesi la fervojan deĵoron kaj ne plu povis aktive kunlabori en nia esperanto-movado, sed li restis fidela al nia idealo ĝis sia morto.
Kolego Heidl ĝenerale estis ŝatata pro kamaradeco kaj - malgraŭ multjaraj turmentaj suferadoj - li ne perdis la intereson por Esperanto.
Ĉiam li instigis samideanojn, kiuj lin vizitis, resti fidelaj al Esperanto kaj li donis al ili de siaj spertoj bonajn konsilojn kaj sugestojn, per kiuj ili plej bone povis servi al la disvastigo de Esperanto.
Kun granda ĝojo li salutis kaj legis la unuan numeron de nia oficiala landa IFEF-bulteno. Liaj klopodoj de tiam do ne estis vanaj; ili post longaj jaroj portis fruktojn.
Lia nobla karaktero kaj idealismo instigis multajn kamaradojn agi laŭ lia senco. Kolego Heidl restos por ni ĉiuj en la memoro kiel bona kaj aminda amiko kaj samideano.

*H o n o r o n  a l  l i a  m e m o r o.*

Austria Esperantista Federacio, Fakgrupo Fervojista. Linz.



## El Gazeto kaj senditaĵo

La estraro de U.E.A. decidis ke la 42a Universala Kongreso okazos en Marseille de la 3a ĝis la 10a de augusto 1957

Esperanto Propagando Centro, Casella Postale 1175, Milano prizorgas novan publikigon de la fame konata Plena Gramatiko de Esperanto de K. Kalocsay kaj G.Waringhien. La tuta enhavo de tiu nova eldono aperos dum la jaro 1956 en tri apartaj volumoj, formato 15x23 cm; prezo USA $ 5.50. Krom tio la Centro prezentas tute novan vortaron Itala-Esper-

anta de prof. Stefano la Colla, Akademiano. La vortaro estas publikigata po kajeroj de 128 paĝoj nebinditaj; entute ĝi ampleksas proksimume 500 paĝojn, formato 11x17 cm. La mendintoj ricevos ĉiun kajeron tuj post ĝia apero. Ili mem prizorgu la bindadon post kompletigo de la volumo. La prezo de la vortaro estos U.S.A. $6.

De la Esperanta Misio Klackavägen, Norestad, Svedio, ni ricevis kelkajn el la novaj presaĵoj de la Svedaj Kristanaj Esperantistoj.
La materialo aspektas tre bone prizorgita, Specialan atenton altiras la *Vespera preĝo* en la geknaba specialnumero de la *Evengelia serio* Kajero 7.

En *La Suda Stelo* la oficiala organo de la Jugoslava Esp.Federacio, oni mencias la aperon de la *Jugoslava Fervojisto*.
Ĝi aperas monate, kaj pro la kreskanta nombro da Fervojistaj Esperantistoj en la citita lando, oni eksentas la bezonon de tia faka bulteno.
La IFEF.-movado tiea kreskas plenesperige.
La redaktoro de la bulteno estas Josip Zupanič, Mihanovičeva 12 Zagreb.

Ĉe la IFEF-estraro surtabliĝis tre bele ilustrita gazeto *Pollando*. Kiel la enhavo, tiel la frontpaĝo estas eksterordinare belaj. Ĝi estas presita en Esperanto kaj mezuras ne malpli ol 39 x 29 cm.
Kvankam ĝi ne rilatas IFEF, ni mencias ĝin kiel grava por la Esperanta movado ĝenerale. Gratulita !

En *Arts Cheminots*, marto-aprilo 1956 n-ro 14, ni trovis artikolon dediĉitan al Fisaic-konferenco en Vieno la 9an de decembro ĉijare.
La prezidanto de Fisaic s-ro Mollion arde pledis por Esperanto kaj interalie memorigis la sukceson ĉe UNESKO.
La gazeto cirkulas inter miloj da francaj fervojistoj. Ĝi estas presita franclingve.Nian sinceran dankon al s-ro Mollion, kiu jam ofte montris sin sincera amiko de nia movado.

En *American Esperanto Magzine* ni legis ke la Austra Administracio Fervoja decidis pagi la presadon kaj dissendadon de la Fervojista Esp. Bulteno, Plie la Administracio intencas presigi vojaĝmontrilon en Esperanto. Konduktoroj, kiuj parolas esperanton rajtas porti la verdan stelon sur la uniformo. Ĉi tiu favoro jam valoras ekde 1928, sed nun revalidiĝis.
En la sama gazeto ni legis pri simpatia gesto de la Belga Administracio Fervoja, kiu jam en decembro 1955 kaj februaro 1956 eldonis cirkuleron per kiu oni instigas la dungitaron fervojan studi esperanton.
Ankaŭ oni permesas pendigi informilojn sur tabulojn en ĉiaj ejoj de la Belga Fervojo.

En *Steeds Voorwaarts* nederlanda Sindikata gazeto oni laŭdas la kamaradan sferon inter precipe esperantistoj. Oni akcentas la interŝanĝojn dum ferio-semajnoj, kio kondukas al pli da kompreno kaj respekto reciproke.

Ni trafoliumis proksimume 40 Esp-gazetojn kaj bultenojn, kiuj menciis per pli aŭ malpli ampleksa artikolo pri IFEF kaj ĝia lastdata kongreso en Stokholmo. Speciale interesaj estas la koncerna artikolo en la itala *Informa Bulteno*, la artikolo en la bulteno de Gefa kaj la superripri la celo kaj strukturo de IFEF verkita de Dipl. Ing. Tschom.

Pri la 6 a Tutmonda Junulara Festivalo *Jugoslavia Fervojisto* sciigas ke la leningrada junularo organizis amatoran koncertan ensemblon, konsistantan el grupoj: muzikistoj, kantistoj, dancistoj kaj aliaj sekcioj reprezentontaj la plej diversajn artspecojn. La ensemblon jam nun partoprenas pli ol cent gejunuloj.

La ensemblo invitas al interkonatiĝo kun la tutmonda junularo kaj proponas kolektivan kaj individuan korespondadon en Esperanto, interŝanĝon de kantoj, muzikaĵoj, fotografaĵoj, afiŝoj, programoj ktp.

Ĉar la pasintaj festivaloj montris ke la partoprenintaro estis dividita per barilo de multlingveco, la leningrada junularo /ensemblo/ decidis ellerni Esperanton por povi libere interparoli kun ĉiuj kiuj ankaŭ parolas Esperanton.

La ensemblo preparas por la festivalo grandan koncertrevuon, kaj invitas al vigla korespondado el la tuta mondo La adreso estas:
Junulara ensemblo, Domo de kulturo de industriproduktada koopero
Kirovaskij prosp. 42. Leningrad 22, U.S.S.R.

Okaze de la ĝenerala kunsido de Unuiĝo Arta kaj Intelekta de la Francaj Fervojistoj (UAICF) kelkaj el niaj francaj kolegoj estis rekompensataj pro sia meritoplena laboro por Esperanto. La honoraj ordenoj estas:

Palmoj de Oficiro de la Publika Instrado al la prezidantino de FFEA fraŭlino Germaine Lemonnier, Parizo.

Palmoj de Akademio-Oficiro al nia amiko Jean Chapellier, Nancy.

Arĝenta Medalo de Civitana Merito al nia ĉiam agema amiko Francois, Parizo.

Ĉi tiun sciigon en *la Fervojisto* ĝojigas ankaŭ la estraron de IFEF, kiu prezentas siajn plej korajn gratulojn al la, per nomitaj ordenoj honoritaj kolegoj.

Informilo de Internacia Esperanto Muzeo en Wien, kiu aperas 4foje jare, aperigis en la aŭgusta numero intervjuon pri Esperanto, kiun faris Kortega Konsilanto Steiner al Otto Habsburg, la plej maljuna filo de imperiestro Karl von Österreich, - tradukon de * Pensoj pri Ŝtatformo * verkita de Otto von Habsburg, kaj tri ĝis nun ne publikigitaj leteroj dela Majstro, kiujn posedas pola pioniro Stanislaw Rudnicki en Krakow.